# BRAZILA ESPERANTISTO



OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

10-a Jaro | Numero 7-9

JARABONO
En Brazilio 3$000
Eksterlande 5 fr. (2 Sm.)

Julio-Septembro 1919

REDAKCIO—PRAÇA QUINZE DE NOVEMBRO
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO

## ZAMENHOF

*Genia, kuraĝa li estis,*
*Animon li havis superan;*
*Memfida, senlaca li restis,*
*Por fari feliĉon la teran.*

*Fratiĝon la homan celinte,*
*Penadon li uzis multoblan;*
*Problemon la lingvan solvinte,*
*Atingis li celon la noblan.*

*Benata vi estu, benata,*
*Aganto de homa frateco!*
*Amata li estu, amata*
*Kun granda, fervora koreco!*

*Aluizio Costa Barros.*

Aracajú — Sergipe.

## Geografio kaj Esperanto

La 6 a Brazila Kongreso de Geografio, kunveninta en Septembro lasta, en Bello Horisonte, aprobis unuanime proponon per kiu ĝi montris sian simpation al Esperanto kaj rekomendis ke oni traduku esperante la publikaĵojn pri Brazilio.

La propono estis prezentita de dro. J. B. Mello e Souza, unua sekretario de la Kongreso kaj ĝenerala sekretario de la Societo de Geografio en Rio de Janeiro.

## La Liverpoola Kongreso

La 10.a Nacia Kongreso de l' Britaj Esperantistoj, okazinta en Liverpoolo, la lastan Junion, estis grava, notinda kaj sukcesplena kunveno.

Estas admirinde ke tuj post la longa, terura eŭropa milito, kiam la spirito de l' angla popolo devis estis ankoraŭ sub la premado de malĝojaj memoraĵoj pri la plej kruela, neniam vidita nehumana buĉado, estas admirinde ke la esperanta ideo povus elmontriĝi praktike tiel vivpova, forta kaj brilanta.

Post tiu kvarjara nokto, kiu malrapidigis aŭ haltigis la aktivecon de ĉiuj inteligentaj entreprenoj, la verda stelo, preskaŭ tute vualita reaperis ĉe la firmamento super la antikva, komerca kaj industria Liverpoolo, disjetante tra la senlimaj horizontoj de Esperantujo helan, vivigantajn radiojn.

El tiu urbo sonis la klariono por kunvenigi la pacajn batalantojn longe apartigitajn; por kalkuli ilian nombron, intencon kaj forton por daŭrigi la propagandon.

Feliĉe por nia civilizita, homama kaŭzo, la alvoko bonesukcesis, la rezultado superis la atendon: ĉirkaŭ 400 kongresistoj kunvenis en «*St. Georges Hall*»; inter ili fremdaj samideanoj, kiuj donis al la Kongreso karakteron iomete internacian.

Utilegaj, profitplenaj, tute praktikaj estis la konsekvencoj de l' Kongreso: ĝi certigis ke la esperanta ideo travivis la longan militan periodon tute sendanĝere, tiel pruvante ke ĝi estas fortege enradikita en angla lando; ke la adeptoj estas vivigataj kiel antaŭe de fervoro kaj entuziasmo; ke la eblaj eksperimntoj kaj

observado pri instruado, faritaj dum la malgojaj pasintaj tagoj, montris la taŭgecon, la utilecon de tuja adopto kaj oficialigo de Esperanto por ĉiuj internaciaj rilatoj.

*La Kongreso instigis la «Unuiĝon de Komercaj Vojaĝistoj»*, per ĝia Delegito, sribpeti al la Direktoro de Edukado la enkondukon de Esperanto en la Postlernejojn.

Ĝi petis al eksterlandaj propagandistoj stimuli la komercistoj al studo de Esperanto, por eventualaj komercaj rilatoj; kaj decidis demandi urĝe la Registaron por starigi komitaton, kiu esploros la aferon de artefarita lingvo, kiel sugestita per la Raporto de «*Modernaj Lingvoj Komitato*».

Fine, rimarkinda, graveĝa punkto: la Kongreso, fidela al la penso de nia Majstro, montriĝis rigora, neŝancelebla konservisto de l' Fundamento, repuŝante ian ŝanĝon proponitan aŭ altruditan de malkvietaj spirituloj, kies nura celo estas aliformigi, difekti la kreitajon de Zamenhof, malrapidigi aŭ malebligi ĝian oficialiĝon. La elmontro de l' agemeco de l' «*Literatura kaj Debata Societo*» kaj de «*Bristish Esperantist Asocio*» donis al la Kongreso notindan kaj agrablan plialtigon: la unua pro la tasko traduki, verki, kritiki valorajn literaturajojn; kaj la dua pro tiu propagandi, disvastigi larĝe kaj instrui la lingvon.

La direktantoj de l' esperanta movado en Anglujo bone plenumas ilian gloran taskon: la 10.ª Liverpoola Kongreso ĵus tion certigis.

La tuta esperantista mondo devas konsideri la angla esperantistaron kiel unu el la neŝancelebla kolono, sur kiu kuŝas la senmortema verka de Zamenhof.

V. S.

## La du infanoj

(Laŭ Coelho Netto)

Tra vojo iris infano, kantante, kiel la birdetoj, kiuj flugis de branĉo al branĉo, kiam li ekaŭdis vokantan voĉon:

— Blonda infano, kiu trairas je la suno, tiel rapide, kial vi ne ripozas? Venu ĉi tien momenton: mi havas mielon kaj kukojn el faruno kaj lakto, kaj mi donos al vi tiom da oro, kiom enhaveblos la saketo, kiun vi portas sur la dorso.

— Mi dankas vin, diris la blonda infano, sed, tial ke la horoj rapidpasas kaj la sonorilo jam sonoris, mi ne povas halti eĉ unu momenton.

— Kaj kien alportas vin tiel rapidaj paŝoj?

— Lernejon.

— Tre feliĉa mi estas, ĉar mi vivadas sur oraj moneroj ĉe ĉi tiu palaco kun arĝentaj kolonoj, ĉirkaŭita de plezuroj. Je kio utilas al mi scii kiel naskiĝas la arbo, kial la stelo brilas kaj kio estis iam? Mi scias, ke mi havas trezoron, sklavojn, molajn litojn el plumoj, sur kiuj mi kuŝiĝas malvigle... je kio utilas al mi la cetero? Vi tuj eklaboros tiom!... Mi kompatas vin.

Jarojn post, jam junulo, la blonda infano reiris en sian ĝepatran domon, kiam, trapasante la antikvan lokon, kie alitempe staris la palaco, li ekmemoris la infanon, kiu alvokis lin, kaj klopodis trovi la fortajn murojn, sed li nur vidis urtikojn kaj rubojn.

— Almozon al iu malriĉuleto, pro amo al Dio!

La blonda junulo ekvidis tiam malfortigitan kaj maljuniĝintan homon, kiu etendis tremantan manon. Kompate li donis moneron al la malriĉulo kaj havis la ideon demandi lin pri la palaco, kiu en pasinta tempo staris tie.

— Ha! Sinjoro mia, ekĝemis la malfeliĉulo. Kiu ĝin vidis tiel fortan sur ĝiaj granitaj kaj marmoraj fundamentoj, ne ĝin juĝus tiel malforta! Transportis ĝin la bruantaj akvoj de la rivero dum la vintro, kaj la tuta trezoro, kiu estis granda, foriris transen sub la akvoj.

— Kaj kio fariĝis el la infano, kiu vivadis en ĝi?

— Jen li estas, Sinjoro, en ĉi tiu mizero, kiun vi vidas. Estas mi mem. Mi vivas almoze, ĉar mi havas nenion kaj nenion mi scias. Ĉion, kion mi valoris, la akvoj forportis.

La blonda junulo, aŭdinte tiujn plendojn de la malfeliĉulo, dankis kore la gepatrajn zorgojn kaj benis la noktojn, kiujn li pasigis klinita sur la studotablo, kaj alpaŝante li diretis:

— Ha! la trezoron, kiun mi kunportas en la kapo, la ŝtelistoj ne ĝin ŝtelos, la akvofluoj ne ĝin forportos, tial ke ĝiaj fundamentoj estas pli fortaj, ol la granito kaj la marmoro.

Kompatinda infano tiu de la ora palaco!

Sergipe — Aracaju

*Sebastião de Albuquerque*

## Miss Martha Root

Deu-nos o prazer de sua visita a distincta jornalista e novellista norte-americana Miss Martha Root que é tambem conspicua discipula do philosopho persa Abdul Baha, para a propaganda de cuja doutrina tem viajado o antigo continente e, agora mesmo, com identico fim, vae, por espaço de alguns mezes, percorrer a America do Sul. Tenciona escrever artigos para a approximação das relações entre o Brazil e os Estados Unidos.

Penetrada dos suaves ensinos do pensador oriental, a missão a que se consagra Miss Root é toda de paz e de approximação entre os homens.

A propaganda religiosa chefiada por Bahia, que começou na Persia em 1844, tem por objectivo maximo realisar a união entre as religiões, razão por que nos disse ella, espirituosamente, ser a sua crença «o Esperanto das religiões». Como corollario do seu corpo doutrinario, o credo Bahai propaga a paz universal e, como vehiculo dessa mesma paz, uma lingua neutral auxiliar que venha a ser patrimonio de todos os povos—o Esperanto.

Communicou-nos ainda a conhecida publicista que os seus correligionarios existentes em todos os paizes aconselhados por Abdul Baha estudam o Esperanto de que fazem persistente vulgarisação e ella propria pretende verter para a lingua de Zamenhof algumas obras sobre o movimento Bahai.

E, assim, se tem implantado o Esperanto pelos paizes mais remotos do globo, reconhecendo-lhe um papel preponde-tre a familia humana.

## PREPOSIÇÕES

**Exemplos**

### Em

*Elle está na escola.* Li estas en la lernejo.
*Elles moravam na Europa.* Ili loĝis en Eŭropo.
*O rato corre no armario.* La muso kuras en la ŝranko.
*Pedro mora na rua Zamenhof.* Petro loĝas en (ĉe) la strato Zamenhof.
*Deitar poeira nos olhos.* Ĵeti pulvojn en la okulojn.
*Elle dividio o queijo en quatro partes.* Li dividis la fromaĝon en kvar partojn.
*Elle possue algumas casas na cidade.* Li posedas kelkajn domojn en la urbo.
*Elle não tem constancia no amor.* Li ne havas konstantecon en la amo.
*O livro está na gaveta.* La libro estas en la tirkesto.
*Vá em paz!* Iru en paco! Iru pace!
*Nesse caso.* En (ĉe) tiu okazo. Tiuokaze.
*Elle esteve em nossa casa.* Li estis ĉe ni. Li estis en nia domo.
*Elle não crê em Deus.* Li ne kredas al (je) Dio. Li ne kredas Dion.
*Vir em auxilio de alguem.* Veni helpe al iu.
*Póde fiar-se nelle.* Vi povas fidi al li. Vi povas fidi lin.
*Não concordo nisso.* Mi ne konsentas pri tio. Mi ne konsentas tion.
*Nisso o Snr. tem razão.* Pri tio vi estas prava.
*Elle negocia em cavallos.* Li negocas pri ĉevaloj.
*Falei a seu irmão naquelle negocio.* Mi parolis al via frato pri tiu afero.
*Hontem falou-se muito em ti.* Hieraŭ oni parolis multe pri vi.
*O jogo acabou em questão.* La ludo finiĝis per disputo.
*O negocio explica-se em duas palavras.* La afero klariĝas per du vortoj.
*O gato corre no soalho.* La kato kuras sur la planko.
*O livro está na mesa e o lapis no bolso.* La libro estas sur la tablo kaj la krajono en la poŝo.
*A alegria está em seu rosto.* La ĝojo estas sur lia vizaĝo.
*Elle mora no segundo andar.* Li loĝas sur la dua etaĝo.
*O sol appareceu no horisonte.* La suno aperis sur la horizonto.
*Leia na pagina 23 a terceira linha.* Legu sur la dudek-tria paĝo la trian linion.
*Elle vive no campo.* Li vivas sur la kamparo.
*No dia 3 de Março.* Je la tria de Marto. La trian de Marto.
*Tropeçar n'uma pedra.* Faleti je ŝtono.
*A casa foi avaliada em dez mil francos.* La domo estas taksita je dek mil frankoj.
*Elle deu a Pedro sua filha em casamento.* Li donis al Petro sian filinon kiel edzinon.
*Um drama em 5 actos.* Dramo je kvin aktoj. Kvinakta dramo.
*General em chefe.* Ĉefgeneralo.
*Elle fallou-me em inglez.* Li parolis al mi angle.

*De tres em tres dias.* Ĉiun trian tagon.
*Ella pegou na agulha.* Ŝi prenis la kudrilon.
*Elle é fertil em mentira.* Li estas mensogoriĉa.
*Arder em colera.* Bruli de kolero.
*Ouro em pó.* Orpulvoro.
*Redigir em latim.* Redakti latine.

Kolektis *A. Couto Fernandes.*

# KRONIKO

**Maranhão.** — *S. Luiz.* Sro. Domingos Perdigão remalfermis en la Sidejo de Facultato de Leĝoscienco kurson de Esperanto, al kiu aliĝis 15 lernantoj.

En «Centro Caixeiral» funkcias kurso sub la gvidado de Sro. Manoel Gomes de Castro.

**Ceará.** — *Fortaleza.* La jus fondita socieĉo «Nova samigeanaro» malfermis du kursojn, kiuj funkcias ĉe sino Amelia de Castro sub la gvidado de sro J. Bessa Pereira kaj Francisco Falcão. Unu el ili estas speciala por publikaj profesorinoj. La 16.a de Septembro, en la domo de sino Amelia de Castro, tre distinginda profesorino, okazis solena kunsido de tiu societo, al kiu ĉeestis multaj personoj. Parolis esperante la jenaj samideanoj: sino Amelia de Castro kaj sroj Eurico Pinto, Antonio Jucá, J. Bessa Pereira kaj Paulo Medeiros. Deklamis en Esperanto la ĝentilaj fraŭlinoj Alba Alencar kaj Marilia Moraes kaj sro. Francisco Falcão.

«Diario do Estado« parolis tre detale pri tiu festo.

**Sergipe.** — *Aracajú.* En la gazeta «Seculo XX» aperis artikolo de unu el la plej bonaj brazilaj esperantistoj, kiu sin kaŝis sub la pseudonimo «Leoncio d'Alva». Ĝi parolas pri supera gramatiko de Esperanto verkita de la distinginda esperantisto sro Aluizio Barros.

**Rio de Janeiro.** — La «Bulteno de Ruĝa Kruĉo» publikigis artikolon de nia ĉiam memorata samideano Dro Arêa Mourinho verkitan kelkajn tagojn antaŭ lia morto. Ĝia titolo estas «Esperanto kaj Ruĝa Kruĉo.»

— La dua de Aŭgusto, en la sidejo de Brazila Klubo «Esperanto» okazis ĝenerala kunveno de «Virina Klubo» por balotado kaj ekposedo de ĝia nova estraro, kiu estas la jena: Prez.—sino Romana Forster Vidal; vicprez:—sino Dioguina Chalréo Corrêa; unua sek.—fino Julia Fernandes; dua sek.—fino Romancina Calmon; kas.—sino Orizaba Guimarães.

Post la parolado de la nova prezidanto parolis dro. A. Couto Fernandes, en la nomo de Brazila Ligo Esperantista, kaj dro Venancio da Silva faris belan saluton al «Virina Klubo», kiu en tiu tago festis sian sepan jaron de ekzistado.

Tiu klubo donacis monsumon al Brazila Ligo Esperantista kaj al «Rifuĝejo N. S. de Pompeia».

— La 16 an de Aŭgusto antaŭ granda nombro da esperantistoj, en la sidejo de Brazila Klubo «Esperanto», dro A. Couto Fernandes legis sian tradukon en Esperanto de la konata komedio «Amo per proverboj» verkita de l' fama verkisto Arthur Azevedo. La tradukinto estis varme aplaŭdita. La gazetoj «A Epocha» «O Imparcial» kaj «A Comedia» publikigis laŭdajn artikolojn pri la traduko.

— La duan de Septembro la esperantistoj havis la plezuron ricevi en sia sidejo la distingindan jurnalistinon kaj verkistino el Usono fino Martha L. Root, kiu vojaĝas por propagandi la lingvon Esperanto kaj la religion Bahai. Feliĉan vojaĝon!

— La tre legata vespera jurnalo «Rio Jornal» publikigis la 2an de Septembro sur la unua paĝo grandan artikolon pri la broŝuro en Esperanto kiu enhavas la liston de la komercaj branĉoj por la Oficiala Leipziga Foiro. Ĝi aperigis fotografaĵon de la unua paĝo de tiu broŝuro.

— La 6 an de Septembro efektiviĝis la ekposedo de la nova estraro de Brazila Klubo «Esperanto». Sro Odillo Pinto legis sian raporton pri la laboroj de l' klubo dum sia direktado kaj dro Antonio Carlos de Arruda Beltrão, nova prezidanto, dankis sian elektadon.

Dro. A. Couto Fernandes proponis ke oni aklamu honora ano sron Antonio Maximo Nogueira Penido, ĉefurban konsilanton, kiu prezentis la projekton permesantan la enkondukon de Esperanto en la publikajn lernejojn.

**S. Catharina.** — *São Bonifacio.* Sro Francisco Guilherme Schaden sciigas nin pri la fondo de mondlingva oficejo. Tie ankaŭ fondiĝis, la 13 an de Julio, Esperantista Rondeto «Verda Stelo», kies Sekretario — kasisto estas sro Frederico Latta.

A. C. F.

# FRAZEOLOGIO-PROVERBARO

**Esperanta – Portugala**

El "Proverbaro" de dro L. L. Zamenhof (Kolektis A. Couto Fernandes)

| | Esperanta | | Portugala |
|---|---|---|---|
| 238. | Antaŭ okuloj ne staras, doloron ne faras. | 238. | Quando olhos não vêem, coração não pena. |
| 239. | Morgaŭ estas la amata tago de mallaboruloj. | 239. | Amanhã, amanhã o carneiro perde a lã. |
| 240. | Malriĉeco ne estas malvirto. Manko de oro ne estas malhonoro. | 240. | Pobreza não é vicio. Pobreza não é vergonha. |
| 241. | Volanta kruro ne laciĝas de kuro. | 241. | Quem corre por gosto não cansa. |
| 242. | Kontraŭ nehavo eĉ juĝo silentas. De nehavanto eĉ reĝo nenion ricevos. | 242. | Onde não ha el-rei perde. |
| 243. | Sako malplena sin rekte ne tenas. | 243. | Sacco vazio não fica em pé. |
| 244. | Kiu mem sin adoras, nenion valoras. | 244. | O verdadeiro merito é modesto. |
| 245. | Kiu mem sin laŭdas, tiun neniu aplaŭdas. | 245. | Louvôr em boca propria é vituperio. |
| 246. | Popola kutimo havas valoron de leĝo. | 246. | O costume faz lei. |
| 247. | Ventro malsata orelon ne havas. Malsata stomako orelon ne havas. | 247. | Barriga vazia não tem alegria. |
| 248. | Malsato plej bone gustigas la manĝon. | 248. | O appetite é o melhor dos temperos. Não ha melhor mostarda que a fome. |
| 249. | En malsata familio mankas harmonio. | 249. | Em casa onde não ha pão, todos gritam e ninguem tem razão. |
| 250. | Se malsato turmentas, lupo timon ne sentas. | 250. | O lobo com fome cardos come. |
| 251. | Ĉe stomako malsata ne kapricas palato. | 251. | A fome não ha pão duro. A gana de comer não ha mau pão. |
| 252. | Li estas vera hidrargo. | 252. | Tem bicho carpinteiro. E' um azougue. |
| 253. | Flugema kiel vento. | 253. | Ventoinha. Catavento. |
| 254. | Kiu frue leviĝas, facile riĉiĝas. | 254. | Deitar cêdo e levantar cêdo dá saúde, contentamento e dinheiro. Deus ajuda a quem madruga. |
| 255. | Post dormo trankvila venas bona konsilo. | 255. | A noite é bôa conselheira. |
| 256. | Dion fidu, sed senfare ne sidu. Preĝon faru, sed farunon preparu, Preĝu kore kaj laboru fervore. | 256. | Ajuda-te, que Deus te ajudará. Deus ajuda a quem trabalha. Põe tua mão e Deus te ajudará. |
| 257. | Ĉiu manĝas, kiel li aranĝas. Kion vi pripenas, tio al vi venas. | 257. | Como arrumares a cama, assim te deitarás. Quem bôa cama faz, nella se deita. |
| 258. | Mensogu kiom vi volas, sed memoru kion vi parolas. Mensoganto devas havi bonan memoron. Kiu volas mensogi, devas bone memori. | 258. | O mentir pede memoria. Ao mentiroso convem ter bôa memoria. Após uma mentira vem outra ainda maior. |
| 259. | Kaŝu kiom vi povos, mensogo sin elŝovos. Mensogo malproksimen ne kondukas. | 259. | Curtas pernas tem a mentira e alcança-se azinha. Mais depressa se apanha um mentiroso que um coxo. |
| 260. | Kiu mensogas kutime, mensogas sentime. | 260. | Quem sempre mente, vergonha não sente. |
| 261. | Kiu multe minacas, ne estas danĝera. | 261. | Feros de bugio, ameaças vans. Chuva que troveja, não cae. Cão que ladra não morde. |

(Daŭrigas) (Continua)

## Bulgara Esperanto-Bibloteko

celas helpi al la reciproka interkonatiĝo de l' popoloj—unu el la plej intimaj deziroj de nia karmemora Majstro. Jam aperis: N.º 1.LA BULGARA LANDO KAJ POPOLO (kun etnografia karto), prezo 4 sv. fr., kaj Nº 2. EL LA PROKSIMA ORIENTO — de Ukrajnio ĝis Georgio (kun etnografia karto), prezo 2.50 fr. Ambaŭ kune por 5.30 sv. fr. Adreso: Ivan H. Krestanov, Sonnenbergstr. 11, BERN (Svisio). Samtempe ili estas tre instrua Esp. legaĵo.

AGENCIA ESPERANTISTA

**Silva & Carreira, Lda.**

Rua da Assunção, 42 — 3.º

**Lisboa — Portugal**

Tiu Esperantista Agentejo estis establita antaŭ nelonge en Lisbono kun la kapitalo de 10.000 Sm.

Sroj Carlos Cruz Carreira e Silva kaj Jorge Annibal de Saldanha Carreira, ĝiaj fondintoj, sendis al ni cirkuleron, el kiu ni elĉerpis la jenon: «Ni pritraktos ĉiuspecan peresperantan komercadon kiel makleristoj kaj ekskluzivaj reprezentantoj de produktaĵoj, kaj ni ricevos komercaĵojn, esperantaĵn distingilojn, esperantaĵojn, librojn, k. c. vendotajn je modera procento.»

Ni deziras al ili plenan sukceson.

## 20.ª Internacia Kongreso de Amerikanistoj

Rio de Janeiro—Brazilio

(18—30 de Junio 1920)

La kongreso celas la historian kaj sciencan studon pri la du Amerikoj kaj iliaj loĝantoj.

La membrokarto kostas 25 Fr. (10 Sm.) La enskribinto rajtas ĉeesti la kongresajn kunvenojn, voĉdoni en la plenaj kunsidoj kaj ricevi senpage la dokumentojn rilatajn al la kongreso.

Ĉiu kongresano povas prezenti unu aŭ du disertaciojn redaktitajn en la jenaj lingvoj: angla, franca, portugala, germana, hispana aŭ itala.

La brazilaj esperantistoj klopodas por la enkonduko de Esperanto en ĝian regularon.

La prezidanto de la Organiza Komitato estas Generalo Laŭro Müller, kiu estas esperantema kaj decidis, kiam li estis Ministro de l' Publikaj Laboroj, ke Esperanto estu konsiderata klara lingvaĵo por la telegramoj en Brazilio.

Bonvolu peti informojn al sro. dro. A. Carlos Simoens da Silva.—Societo de Geografio. Placo 15 Novembro, 101. Rio de Janeiro. Brazilio.

## O Esperanto no Estrangeiro

**Inglaterra.** — *Londres* — Foi organisado um novo grupo esperantista intitulado: «*Sud Londona Klubo*» sob a presidencia da illustre *samideanino* snra. Blaise, nome de notoria reputação nos circulos esperantistas britanicos. Nas circumscripções da Capital, Catford, Hammersmith, Hampstead e Eltham foram inaugurados novos cursos.

Na *Federação de Londres*, em Junho ultimo, o snr. Dakoviĉ, de Petersburgo, official do exercito russo, prendeu a attenção do auditorio, sobre o movimento esperantista na Russia, durante a guerra, despertando muito interesse a sua curiosa narrativa.

*Liverpool* — Sob o patronato de S. A. Real o Duque de Connaught, sir Eduardo Richard Russel, rév.º Arcediago Spooner, Sub-Deão da Cathedral, sir James Legge, Director da Instrucção, drs. J. Pollen e Montgomery, foi inaugurado, a 7 de Junho ultimo, o 10.º Congresso de Esperantistas Britanicos. Cerca de 400 congressistas inglezes e alguns estrangeiros constituiram a notavel assembléa que, reunida pouco depois da terminação da horrorosa guerra, causou agradavel surpresa, admiração e indescriptivel prazer ao povo esperantista britanico. O resultado do Congresso foi de indiscutivel utilidade theorica e pratica.

Foram approvadas moções de sociedades scientificas, industriaes, commerciaes, para pugnar junto ao governo pela adopção geral da lingua artificial, como medida urgente, de accordo com a proposta de Commissão da Lingua Moderna.

A União dos Negociantes Viajantes resolveu pedir ao Director de Instrucção a introducção do Esperanto, como estudo completar, nos cursos escolares, a serem inici-

ados no Outomno, segundo a lei do ministro Fisher.

O congresso revelou-se guarda fiel e intransigente do espirito e obra de Zamenhof, protestando contra as alterações, que innovadores irriquietos pretendem introduzir na obra do mestre, deturpando-a: semelhante conducta é valorosa garantia da estabilidade e vida do Esperanto.

A Sociedade de Debates Litterarios e a «Britih Esperantist Asocio», expressões genuinas do esperantismo na Inglaterra, deram ao congresso uma nota de alto destaque: aquella encarregada da traducção, confecção e critica de obras em esperanto, ou para elle vertidas de autores celebres; esta verdadeira confederação das associações britanicas, incumbida especialmente da propaganda ampla, tenaz e elevada, revelaram-se pela exposição de seus trabalhos verdadeiros centros de energica actividade no mundo esperantista.

Durante o Congresso foram feitas excursões e visitas a diversos estabelecimentos da cidade, entre elles a Universidade, a Port-Sund Light. Celebrou-se um serviço divino, banquete, baile a fantasia, bellissimo concerto em esperanto, etc.

*Hampstead* — Foi inaugurado um novo curso a 2 de Junho.

*Wimbledon* — O snr. Sharpe falou sobre o Esperanto e a Unidade Christã.

*Bismingham.* — O progresso do Esperanto nesta cidade é animador; o numero de representantes augmentou cerca de 200%, durante o anno. Foi aberto um curso na Escola Municipal do Commercio.

*Bristol* — A sociedade esperantista fez uma excursão a Mendip: houve jogos, musica, etc.; a conversação foi sempre em esperanto, pagando-se uma multa pecuniaria por palavra pronunciada em inglez.

*Hastmgs* — *Invergordon* — *Perth* — Nestas cidades foram abertos novos cursos e reappareceram alguns, cujo exercicio estava suspenso.

*Egypto* — Foi organisado em Alexandria a Liga Esperantista Egypcia.

*Escossia* — Em 28 e 29 de Junho ultimo, na Universidade de Glasgow effectuou-se a reunião do Congresso annual de Federação Esperantista Escosseza. Compareceram cerca de 200 esperantistas. Um destacamento de escoteiros prestou honras militares. A imprensa de Glasgow publicou elevados encomios ao Congresso.

Foi discutida a questão de introducção do Esperanto, desde já, nas relações commerciaes, na Liga das Nações, no mundo operario e entre os escoteiros. O Congresso enviou ao rei da Inglaterra um telegramma congratulatorio pela assignatura do tratado de paz, facto coincidente com á abertura do mesmo congresso.

Foram apresentadas e acceitas diversas propostas, visando todas a immediata introducção do Esperanto nas relações internacionaes. O movimento esperantista na Escossia é animador; em Aberdeen, funccionam dois cursos; em Edimburgo, Glasgow, Govan, Rutherglen cinco; nas sociedades cooperativas, nos circulos operarios de instrucção funccionam diversas aulas e cogita-se da inauguração de outras.

**Suecia. Noruega.** — *Stokolmo.* Funcciona com grande animação o Club Esperantista de Stocklmo, cujo numero de socios augmenta sensivelmente. O snr. Skog desenvolve tenaz propaganda sobre o emprego do Esperanto no Commercio, como o unico meio de economisar tempo e dinheiro.

*Bergen* — Foi fundado o Club «Espero» — *Kristianstad* — Os escouteiros alumnos do Lycêo matricularam-se no curso de Esperanto sob a direcção do Professor Gymnasial N. NordlJund.

**Paizes Baixos** — *Rotterdam* — Em Agosto passado, a Liga dos Esperantistas Catholicos da Neerlandia festejou o seu 10.º anniversario.

**Finlandia.** — *Helsingfors.* Em Abril ultimo teve logar o 5.º Congresso dos Esperantistas Finlandezes, por iniciativa da Sociedade Esperantista de Finlandia. Foi um verdadeiro successo, que denunciou o pujante despertar da vida esperantista neste afastado recanto de *Esperantujo.*

Compareceram 152 esperantistas, dos quaes 10 cegos, que admiravelmente se exprimiram em Esperanto.

**França.** — *Paris* — Foi fundada a sociedade *Commercio* e *Industria pelo Esperanto,* com o fim de diffundir a lingua e introduzil-a no Commercio e na Industria. Para isso ella incita os seus membros a se corresponderem em Esperanto, quer verbalmente quer por escripto; indica aos estrangeiros as casas commerciaes esperantistas francezas (preços, condições de venda, pagamento, etc.) organisa conferencias nos centros esperantistas, commerciaes ou não; edita brochuras para propaganda, pu-

blica um jornal gratuito para os membros, um annuario, incumbe-se de traduzir em Esperanto cartas, annuncios, prospectos, circulares e catalogos, enviando-os aos esperantistas; visa entreter relações com os grupos semelhantes de outros paizes para facilitar as transacções commerciaes com a França, etc.

A séde social é em Paris, Rua Clichy 51.

**Suissa.**—*Bern*—Na conferencia Internacional para a Liga das Nações, delegados de 50 nacionalidades assignaram o seguinte texto: «Os delegados subscriptores, que tomaram parte na Conferencia para a Liga das Nações, opinam que a adoptação do Esperanto, como lingua neutra internacional é uma das mais importantes condições para a reciproca intelligencia dos povos e base necessaria para a Liga das Nações. Pedem, portanto, aos gremios pacifistas de todos os paizes que, moral e materialmente, sustentem o movimento esperantista, organizando cursos nessas associações e usando o Esperanto como instrumento de reciproca comprehensão internacional.«

Foi fundada a Associação Suissa Commercial, destinada a propagar o Esperanto entre os Commerciantes Suissos e utilisal-o na vida economica nacional.

«A *Federação Instructora Internacional*» com séde nesta cidade acceitou o Esperanto; o seu orgão «*Internacia Eduko*» é redigido em inglez, francez, allemão e Esperanto.

**Republica Tchekoslovaca.** — *Plzen.*— A redacção da Gaseta Esperantista «*La Progreso*» apresentou ao Ministro da Instrucção um pedido para a inclusão do Esperanto nos Collegios Tchekoslovaca, nos seguintes termos: Proposta — O Ministerio da Instrucção e Cultura Nacional ordene a inclusão do ensino do Esperanto nos Collegios ruraes e de media instrucção em todo o nosso paiz. Curso lectivo de um anno.

*Praha* — Foi fundada a Associação Esperantista Tchekoslovaca com designios amplos sobre a nova orientação da propaganda — Foi installada a *União Esperantista* «*Verda Stelo*» e organisada bella exposição de curiosidades esperantistas, que empolgou o attenção dos circumstantes. Inscreveram-se para o curso mais de 50 alumnos.

Foram inaugurados cursos em Karlsbad e Rakovnik.

V. S.

## Novaj Gazetoj ricevitaj

**Literaturo.** Trimonata gazeto esperanta. Eldonas la B. E. A. Literatura kaj Debata Societo. Abono. Eksterlande, afrankite: por unu jaro, Sm. 1,50; unu numero—4 respondkuponoj. Redakcio kaj administracio: 254, Wightman Road, London. n.º 8. Anglujo.

**La Progreso.** Ĉeĥoslovaka organo esperantista. Aperas monate. Jara abono. K. 6 Redakcio: Plzen Radynoká ul. 10. Bohemio.

**Esperantista Laboristo.** Monata gazeto. Socialista — sindikalista — internaciista. Societa sidejo: 49, rue de Bretagne. Paris. Francujo. Jara abono: 3 fr. 50.

**Komerco per Esperanto.** Oficiala organo de «Komerco kaj Industrio per Esperanto». Redakcio: 9, Bd. Voltaire. Issy Seine. Francujo. Direktoro. P. Flageul. Jarabono: 2 fr. 50. (1 Sm).

**Esperantista Voĉo.** Monata bulteno internacia. Redakcio kaj Administracio: Salo Grenkamp—Kornfeld, Krakóv, Dietla, 62. Jara abono: 10 Kr. aŭ 3 fr. 50.

**Fluganta Skribilo.** Stenografa ĉiumonata gazeto. (Reapero). Administracio: Bd Voltaire, 9. Issy (Seine) Franclando. Jara abono: 2 fr. 50 (1 Sm).

## KORESPONDADO

**Sro Rudolf Mänsson**, *Karlshaum, Suecia*, deziras korespondadi kun esperantistoj pri diversaj novajoj. (Uzu poŝtmarkojn je plej malgrandaj valoroj).

Sro Fr. Pilny, oficisto, Yiĉin, Husora 187, Bohemujo, deziras korespondadi kun brazilaj esperantistoj.

Helsinki (Eŭropo, Finnlando). — S:ro Joel Vilkki, studento, 20-jara. Ecrikinkatu 25. (Per L, P K, R. I kun gefraŭlój kaj geknaboj precipe, sed ankaŭ kun ĉiuj en la tuta Suda Ameriko, kiuj volas informiĝi pri mia lando kaj mia nacio.)

*A. S. Arnold*, Box 36, Metuchen, N. J. (U. S. A.) deziras interŝanĝi poŝtmarkojn kun ĉiulandaj samideanoj. Nepre kaj tuje respondas.